# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto
septembro 2004






- **Kroatio donis novan teatraĵon al Esperantujo: Vida Jerman surscenigis *Juditan* de Miro Gavran**
- **Malkovrita granda kolekto de desegnaĵoj de Ferdinand Hodler en Sarajevo**
- ***7000 tagoj en Siberio* per Esperanto eldonita en la ĉina lingvo**
- ***Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić* eldonita per Esperanto en la japana**

# Karaj legantoj!

La riĉa somero estas malantaŭ ni. Nia Esperantujo vastis en 2004: 13 kroataj esperantistoj partoprenis en UK en Pekino, 11 aktivis ĉe la Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj en Belgrado, 4 junuloj veturis al Kovrov en Rusio por sperti Internacian Junularan Kongreson, Danijela Drakula spertis Nordamerikan Kursaron en Usono. Kelkaj el tiuj kiuj restis hejme akceptis eksterlandajn gastojn, en Omiš aŭ en Hraščina-Trgovišće, en Pula aŭ en Osijek. Esperanto havas sencon nur se oni komunikas transnacie kaj ni faris tion abunde pasintsomere.

Pri la kulturaj valoroj de la apliko de Esperanto atestas niaj paĝoj. Sur la titolpaĝo troviĝas aktorino Vida Jerman en sia majstra rolo de Judita, premiere prezentita ĉe la Pekina UK. Tiel per traduko de Danijela Drakula plia dramo de la kroata verkisto Miro Gavran ekveturis tra la mondo. Vida ja unikas. Kiom riĉa estus la Esperanta kulturo se ankoraŭ iu el sesdeko da landaj asocioj utiligus rimedojn de landaj ministerio pri kulturoj kaj naciaj fondaĵoj por uzi Esperanton kiel teatran aŭ tradukan ilon? En Kroatio tio dum multaj jaroj sukcesas. Litovio, la gastiganta lando de la Universala Kongreso de Esperanto 2005, sukcesis integrigi Esperanton en la publikan vivon.

Kial la aliaj landoj preferas ne uzi la rimedojn pri kiuj kulturuloj disponas?

Kroatio ne havas nur novan teatraĵon en Esperanto. Ni sukcesis kroatajn librojn ĉinigi kaj japanigi per Esperanto. Ni preparas bengalan tradukon per Esperanto. Ni havas novan libron kandidaton por la Infanlibro de la jaro 2005. Ni kroatigis gravan Esperantan verkon "Zamenhof-Strato".

Dorsflanke de la ĉi-numera "Tempo" ni prezentas verkon de Ferdinad Hodler, la patron de Hector Hodler. La ekspozicio de Ferdinand Hodler surprizis zagrebanojn dum junio kaj julio en Muzeo pri arto kaj metio. La ekspozicio de pentraĵoj kaj desegnoj de Fedinand Hodler venis el Sarajevo, kie ĝi estas posedata de Arta Galerio de Bosnio kaj Hercegovino. La bosnia kolekto de Ferdinand Hodler travivis la lastan militon kaj pretas gasti eksterlande. Kion faras la kolekto de preskaŭ 120 nekonataj verkoj de Ferdinand Hodler, unu el la plej grandaj svisaj pentristoj de la secesia stilo en Bosnio? La kolekto venis kun ties unua posedantino Jeanne Charles-Cerani-Ćišić (Lyon 1874 - Mostar 1955). Ŝi estis dum multaj jaroj la ŝatata modelino de la granda artisto. Ŝia vizaĝo ja ornamis monbileton de svisa franko desegnita de Hodler. Kiam ŝi edziniĝis al jugoslavia diplomato Mehmed Ćišić kaj ekloĝis en Mostar, la kolekto atingis Bosnion kaj Hercegovinon. Post ŝia morto, la heredintoj vendis ĝin al la Galerio. En la kolekto troviĝas ankaŭ cento da verkoj kiujn desegnis la modelino Jeanne Charles - Cerani aŭ la filo Hector Hodler! Hector Hodler desegnis?! Ĉu iu esploros tiun fenomenon? Ni esperantistoj ja estis specialaj heredantoj de la familio Hodler kaj ni flegas tiun nomon ne nur per Biblioteko Hodler kaj Salono Hodler.

Eble tial iuj legantoj ŝatos vidi la portreton el la jaro 1887, kiu nomiĝas *Kudristino*. Fakuloj atribuas la figuron al Augustine Dupin, la panjo de Hector Hodler. Ĉu ŝi, graveda, preparas beboveston por nia Hector?

Ni, esperantistoj, vere apartenas al la parto de monda kulturo. Kun kontento mi tion notas.

*S. Štimec*



Ferdinand Hodler: Kudristino (Augustine Dupin) 1887, 290 x 247 mm


## Tempo

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXIII, numero 2/2004
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373
**rete:** esperanto@zg.tel.hr
www.esperanto.hr
**Kontribuis:** Lucija Borčić, Marija Borčić-Pavičić, Ivo Borovečki, Probal Daŝgupta, I. Galić, Davor Grgat, Ferdinand Hodler katalogo, Nedeljko Korasić, Davor Klobučar, Kurisu Kei, Michiko Isaki, Vida Jerman, Dinko Matković, Vanja Radovanović, Sekoguchi Ken, Shi Chengtai, Spomenka Štimec.
**Redaktoris:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR),
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)

***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# "7000 TAGOJ EN SIBERIO" TRADUKITA PER ESPERANTO EN LA ĈINAN

西伯利亚七千天



Inciatinto Kurisu Kei

Kiam kroata civitano Karlo Štajner revenis el sia preskaŭ dudekjara vivo en Siberio, per granda peno li sukcesis en Zagrebo en la sepdekaj jaroj publikigi sian vivateston pri la sorto de kaptito en diversaj siberiaj koncentrejoj. Li konsentis ke Krešimir Barković esperantigu lian verkon, kiu aperis kiel verko de Sennacieca Asocio Tutmonda en Parizo en 1983.

La verko bezonis preskaŭ pliajn 7000 tagoj por trovi specialan atenton en Azio. La novan vivon ĝi ŝuldas al veterana japana esperantisto Kurisu Kei, kiu havis la ideon ekspedi la verkon kiel donacon al sia amiko Shi Chengtai en la nordĉina urbo Daqing. La ĉino kiu eklegis la prisiberian verkon kun granda emocio, decidis dividi ĝian enhavon kun la aliaj ĉinoj.



Tradukinto Shi Chengtai

La serĉado de la eldonisto ne estis facila. La eldonon ebligis mirinda laboro de Kurisu Kei, kiu el la japana maljunelo, kie li loĝas, sukcesis krei Fondaĵon Shi Chengtai. Per kontribuo de tuta aro da japanaj esperantistoj kaj simpatiantoj de la ideo - en la Fondaĵo amasiĝis sufiĉe da mono por ke la ĉina versio de "7000 tagoj en Siberio" aperu. La eldonisto de la verko estas La Ĉina Eduka Scienca Kultura Eldonejo de La Orienta Universitato de la urbo Langfang. La libro estas mendebla per la libroservo de UEA. En Ĉinio la libro kostas 38 juanojn.

Granda estas la laboro kiun inciiatis Kurisu Kei kaj plenumis Shi Chengtai, eldonante la verkon kun 228 mil ideogramoj. La latinlitera titolo de la verko estas "Xibailitiya Qiqiantian" kaj ties ISBN numero estas 988-97267-3-4.

La unua ekzemplero de la verko estis donacita al Kroata Ambasadejo en Ĉinio kies ambasadoro Boris Velić kaj ataŝeo Igor Merlin ĉeestis la Universalan Kongreson en Pekino.

La Kongresa Libroservo kadre de la programo "Aŭtora duonhoro" gastigis la lanĉon de la verko. Spomenka Štimec, kiu nome de Kroata Esperanto-Ligo gvidis la kroatan aspekton de la projekto, havis la honoron prezenti al la publiko Shi Chengtai kaj lian ĉinan verkon. Aparte kortuŝe estis ke en la publiko ĉeestis kelkaj el la multnombraj japanoj kies financa helpo ebligis la eldonon de la libro. La granda aĝo de Kurisu Kei ne permesis al li ĉeesti.

La ĉina libro enhavas informojn pri UEA, SAT kaj EVA, kiuj siavice ankaŭ kontribuis por ke aperu la verko.

La krota novaĵagentejo HINA elsendis la novaĵon pri la ĉinlingva apero de "7000 tagoj en Siberio" kaj pluraj kroataj gazetoj (inkluzive ekz. "Feral Tribune") transprenis kaj diskonigis ĝin.

Predrag Matvejević, kroata verkisto kaj amiko de la aŭtoro Karlo Štajner , kies antaŭparolon por "7000 tagoj en Siberio" por ĉinoj ni publikigis en Esperanto en la lasta numero de "Tempo", volonte partoprenos en novembro en publika prezento de la japana-kroata-ĉina kunlaboro por la zagreba publiko.

S. Štimec

*Sur la foto de Michiko Isaki sube: Spomenka Štimec, Shi Chengtai kaj Michiko Isaki dum la pekina lanĉo de la kroata libro en la ĉina.*



# MIRINDAJ AVENTUROJ DE METILLERNANTO HLAPIĆ - PER ESPERANTO EN LA JAPANA












**Sur la fotoj**: *1.Maja Tišljar kun "Hlapić" en la biblioteko de KEL; 2. Maja Tišljar kaj la fratino Danka dum la infanaĝo; 3. Du nepoj de Sekoguchi Ken, Shuuto kaj Shuusuke, la unuaj japanaj legantoj de la verko; 4. La titolpaĝo de la japana verko "Mirindaj aventuroj de metilanto Hlapić"; 4. Familio de Sekoguchi Ken al kiu la japana traduko dankas sian ekziston.*

Kroatoj, grandaj kaj malgrandaj ŝatas *Mirindaj aventuroj de metillernanto Hlapić* kaj konsideras ties aŭtorinon Ivana Brlić-Mažuranić "la kroatan Andersen". En Kroatio en 2004 oni festas 130-datrevenon de la naskiĝo de la aŭtorino Ivana Brlić-Mažuranić. Ŝia libro pri Hlapić aperis antaŭ la Unua mondmilito.

Multaj estas eventoj dediĉitaj al Ivana Brlić-Mažuranić okaze de ŝia vivjubileo. Oni klopodas funkciigi muzeon dediĉitan al ŝi en la urbo Slavonski Brod , kie ŝi verkis pri Hlapić kaj aliaj herooj de ŝia riĉa fantazio.

Sed eble neniu alia instanco kontribuis tiom multe okaze de la jubileo festo kiel japano Sekoguchi Ken. Al li ni ŝuldas la tradukon de la verko en la japanan.

La tradukon de la verko en Esperanto pri la knabo Hlapić iniciatis Josipa Katunar. KEL sukcesis persvadi Maja Tišljar, kiam ŝi studis astrofizikon en la Universitato de Bonn, esperantigi la verkon. La verko aperis en 1998 kaj en la Berlina Kongreso gajnis premion por *Infanlibro de la jaro*. La libro per diversaj libroservoj ekvojaĝis ĉirkaŭ la mondo. Ĝi espereble baldaŭ havos siajn persajn kaj ĉinan tradukojn.

Intertempe, en Japanio avo Sekoguchi Ken tradukis ĝin por la legaĵo de siaj du nepoj.
Kiam la traduko jam pretis, la japanan verkon eldonis Esperanto-Klubo en Mishima. Sur 240 paĝoj de la japana traduko aperas ankaŭ sep ilustraĵoj pri la aventuroj de Hlapić de Goto Masako.

Kroataj gazetoj impresiĝis pri la rolo de Esperanto kiel ponto-lingvo. Radio-elsendo por infanoj, gazeto "Vjesnik" de la 2a kaj Feral tribune de la 10a de septembro diskonigis la informon pri la diligenta japano avo, kiu per sia traduko plezurigis du siajn nepojn kaj aron da kroatoj, ĝojaj ke la la fama infanlibro atingeblas por japanoj.

*S. Štimec*

**Helpo por Vodnikova 9 - Donacoj**

59. Boris Di Costanzo 13,50 eŭrojn
60. Ana Then 13,50 eŭrojn
61. Mario Amadei 5,00 eŭrojn
62. Gruppo Esperantista Bolognese "Achille Tellini 1912" 5,00 eŭrojn
63. Vjekoslav Morankić 14,71 eŭrojn
64. Ljerka Stilinović 13,50 eŭrojn
65. Bojana Đuričić 16,89 eŭrojn
66. Karmen Crnković-Vranko 27,13 eŭrojn
67. Gerrit Berveling 3,00 eŭrojn
68. Vinko Ošlak 8,11 eŭrojn
69. E. de Zilah 5,12 eŭrojn
70. Fiore Saganić 80,40 eŭrojn

**Entute donacoj: 6.907,77 eŭrojn**

# NIA ESTONTEJO - VODNIKOVA 9

**Kredito por Vodnikova 9 - aŭgusto 2004**

16. Olga Srkoč 67,56 eŭrojn
17. Ćiril Stojanov 13,50 eŭrojn
18. Ante Biluš 5,40 eŭrojn
19. Dragan Barac 13,50 eŭrojn
20. Željko Gubijan 4,70 eŭrojn
21. Dag Treer 5,40 eŭrojn
22. Marta i Sonja Kovač 4,70 eŭrojn
23. Fiore Saganić 80,40 eŭrojn

**Entute kredito: 441,83 eŭrojn**

## Parta listo de artikoloj pri UK en Pekino en la kroataj gazetoj:

1. Glas Slavonije, 8. 7. 2004. : "Monda premiero de la dramo "Judita" en Pekino
2. Vjesnik, 12. 7. 2004. : "*Judita* en Esperanto"
3. Hina per *www.htnet.hr*, 8. 7. 2004. : "Monda premiero de la dramo *Judita* en Pekino"
4. *www.vip.hr*, 7. 7. 2004. : "Monda premiero de *Judita* en Pekino"
5. Večernji list, 7. 7. 2004. : "*Judita* de Miro Gavran en Ĉinio"
6. Jutarnji list, 7. 7. 2004. : "*Judita* de Miro Gavran en Ĉinio"
7. Novi list, 7. 7. 2004. : "Monda premiero de *Judita* de Gavran la 27an de julio en Pekino"
8. Glas Istre, 7. 7. 2004. : "Monda premiero de *Judita* de Gavran"
9. *www.iskon.hr*, 7. 7. 2004. : "*Judita* en Pekino"
10. *www.index*, 7. 7. 2004. : "Monda premiero de *Judita* la 27an de julio en Pekino"
11. Večernji list, 8. 7. 2004. : "*Judita* de Gavran en Pekino"
12. Večernji list, 18. 7. 2004. : "*Judita* de Gavran en Pekino"
13. Extra, 18. 8. 2004. : "En Ĉinio mi per Esperanto prezentis monodramon"
14. Vijenac, 10. 6. 2004. : "La epoko de Pilato"
15. Glas Istre, 7. 8. 2004. : "Kroataj esperantistoj revenis el UK en Pekino"
16. Večernji list, 8. 8. 2004. : "Revenis kroataj esperantistoj el Pekino"

**Artikoloj pri Esperanto kiel ponto-lingvo:**

1. Feral Tribune, 10. 9. 2004. : Sentitola noto pri "Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić" en la japana
2. Vjesnik, 2. 9. 2004. : "*Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić* en la japana"
3. Glas Istre, 3. 7. 2004. : "Libro *7000 tagoj en Siberio* de Karlo Štajner en la ĉina"
4. Vjesnik, 3. 7. 2004. : "Štajnerova knjiga na kineskom"
5. Feral Tribune, 9. 7. 2004. : Sentitole (pri 7000 tagoj en Siberio)

**Artikolo pri renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj en Kroatio:**

1. Večernji list, 15. 7. 2004. : "Renkontiĝo de esperantistoj"

# LIBRO "ZAMENHOF-STRATO" EN LA KROATA




Kroata Esperanto-Ligo prizorgis la kroatan tradukon de la fama libro de pola jurnalisto Roman Dobrzyński *Zamenhof-Strato*. La verkon eldonos la konata zagreba eldonejo *Izvori*, posedata de Damir Mikuličić post kiam kroatigis ĝin juna esperantisto Domagoj Vidović el Metković. La libro aperis en 2003 en Litovio kaj havis sian lanĉon en Gotenburgo. Estis eldonita la pola kaj la litova tradukoj de la libro, dum krom la kroata, estas preparata la japana traduko kaj la portugala en Brazilo. La japana verko aperos en januaro 2005.

Kroata Esperanto-Ligo lanĉis konkurson por ilustri la libron. Per la konkursoj estis invititaj pentristoj sed ankaŭ studentoj pri pentroarto kiuj studas en Pentroarta Akademio en Zamenhof-Strato en Zagrebo. La zagreba eldonejo per mil kunaoj aĉetos la desegnon por la titolpaĝo de la kroata verko pri Zamenhof-Strato. La prizorganto de la japana eldono, Kobayashi Tsukasa, proponis al la japana eldonejo aĉeti ĉiujn verkojn de kroataj pentristoj kiuj kontribuos por la kroata eldono pri Zamenhof-Strato. KEL akceptas desegnojn por la kroata eldono de Zamenhof-Strato ĝis la 15a de oktobro.

Estas interese konstati ke la litova kaj japana tradukoj estas rezultoj de kunlaboro de pluraj tradukistoj. La unuan elesperantan tradukon de lingvisto Domagoj Vidović lingve kaj kulture kontrolis Ivo Borovečki.

*S. Štimec*

# ESPERANTISTINO EL POLLANDO ELEKTITA EN EŬROPA PARLAMENTO

Pola esperantistino Malgorzata Handzlik estis elektita al Eŭropa Parlamento. En Esperantujo ŝi estas konata kiel Margareta, la edzino de Georgo Handzlik, (muzikisto kiu plezurigis publikon de la zagreba UK per sia koncerto kaj per muzikado ĉe la urbestra akcepto samkiel ĉe la 6a kongreso de kroataj esperantistoj en Rijeka. Inter liaj kantoj eble plej popularas "Dankon, sinjoro Ludoviko!" )

Margareta parolas Esperanton dum 20 jaroj kaj estis kongresano en Berlino kaj Montpéllier. Ŝi ricevis pli ol 30.000 voĉojn en Pollando dum la elektoj por la Eŭropa Parlamento. En la parlamento ŝi agos en la plej granda frakcio EPP - Eŭropa Popola Partio.

Ŝi jam dudek jarojn gvidas radion, fondis instituton por instrui instruistojn, fondis lingvolernejon, profesie laboris en skolta movado.

Al UK en Zagrebo familio Handzlik kontribuis per la originala novelaro *La mondo* eldonita de la eldonejo Kleks el Bielsko Biała (kun noveloj de Zora Heide kaj Spomenka Štimec). La sama eldonejo de la nuna parlamentano eldonis ankaŭ la polan lernilon pri Esperanto laŭ la Zagreba Metodo.

Tuj post la elektoj ŝi renkontiĝis kun reprezentantoj de diversaj Esperantaj asocioj en Budapeŝto, malferma por la Esperantaj ideoj. Detaloj ĉe *http://www.Malgorzatahandzlik.com*.





# ESPERANTLINGVAJ VERKISTOJ KUNVENIS

Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj okazis de la 15a ĝis la 16a de julio 2004 en Hraščina-Trgovišće, eta vilaĝo en Zagorje. La aranĝon finance ebligis Minsterio pri kulturo de Respubliko Kroatio kaj morale subtenis Esperantlingva Verkista Asocio. Partoprenis Eugeno de Zilah el Francio, Vinko Ošlak el Slovenio / Aŭstrio, Gerrit Berveling el Nederlando. La gastiganto de la aranĝo estis Spomenka Štimec al kies bieno la Esperanta publiko alveturis trajne kaj per 15 aŭtomobiloj. Dum la centra tago la verkistoj legis el siaj verkoj por la publiko. La verkistojn prezentis Zlatko Tišljar (Vinko Ošlak) kaj Spomenka Štimec. La publiko kun simpatio kaj atento informiĝis pri la verko *Vivi sur barko* de de Zilah kaj *Jen la sablo de mia klepsidro* de Vinko Ošlak. Estis interese aŭdi per kio kontribuiis la ĉeestantaj verkistoj al la mulfaceta Esperanta literaturo. Aparte imponis la abunda verkaro de Gerrit Berveling, kies du volumoj (el la planataj 10 ) de la *Latina Antologio* speciale impresis, samkiel tradukoj el la nova eldono de *Biblio*. Li elektis prezentiĝi kiel originala poeto kaj taglibristo.

Josip Pleadin prezentis dum la aranĝo sian venontan projekton, *Leksikonon pri esperantlingvaj verkistoj*, kiun li iniciatis kaj EVA subtenas. Biografiaj pri pli ol 400 verkistoj estis kolektitaj kaj atendas kompletigon de informoj.

Dum la programo al partoprenantoj povis konatiĝi ankaŭ la Esperantaj gazetoj presitaj en Kroatio inter 1908 kaj 2004.

Kadre de la aranĝo la verkistoj kun la publiko ekskursis al la fama preĝeja baroka arto de Belec.

Post la verkista renkontiĝo en Zagorje la verkistoj daŭrigis al Hungario, kie en Pécs okazis la ĉijara konferenco de la organizo OSIEK, dediĉita al la Esperanta gazetaro. La aranĝon en Hungario organizis KEL-membro Višnja Branković per sia firmao Orbis Pictus. Fine de la aranĝo la partoprenantoj el Hungario venis al Kroatio kaj konatiĝis kun la kulturaj interesaĵoj de la urbo Osijek.

S. Štimec

# Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio financas bengalan tradukon de *Hlapić*

Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio aprobis financajn rimedojn por ke la fama kroata infanlibro *Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić* aperu en la bengala lingvo. La tradukon al la bengala el la Esperanta eldono de la libro prizorgas fama lingvisto Probal Dasgupta (Daŝgupto), kies filo Abir knabaĝe tre ŝatis la aventurojn de la knabo Hlapić.

La Ministerio favore respondis al la peto de Kroata Esperanto-Ligo kaj aprobis la rimedojn por pagi la tradukiston al la bengala. Tiel Esperanto denove aperas kiel lingvo-ponto. Por la bengala traduko de la eminenta tradukplumo verŝajne ne estos malfacile trovi eldoniston en Kalkato kaj proksimiĝi la kroatan verkon al la miliona infana publiko de la bengala lingvo.

Probal Dasgupta mem kreskis en la familio, kie tradukado ege gravis. Lia patro, la fama historiisto jene opiniis pri la graveco de tradukado:

"Mahatma Gandi inspiris la baratanojn, ekde la 1920aj jaroj, ŝpini duonhoron ĉiutage. Tiel ili emfazis la nacian dignon kaj celis la sendependecon disde Britio, kiu unue detruis la ŝtofan industrion de Barato kaj poste trudis britan ŝtofon al la baratanoj.

Arun Dasgupta, (Orun Daŝgupto), barata historiisto, petas ĉiujn klerajn mondanojn traduki duonhoron ĉiutage. Tiel, laŭ li, ni emfazu la mondanan kundignon kaj ŝanĝu la pensan trafikon".

Probal Daŝgupta naskiĝis en 1953 en Kalkato. Li doktoriĝis pri lingvistiko en 1980 en Nov-Jorko. Li lekciis en Universitato de Kalkato en 1980 kaj ekde 1980 ĝis 1989 estis dekano de la Universitato en Pune. De la jaro 1989 ĝis nun li profesoras pri lingvistiko en la universitato en Hajderabad. Li aŭtoris plurajn verkojn el la kampo lingvistiko. "Mi juna" de Monashi Dasgupta estas la biografio verko kiun li esperantigis kaj publikigis en Roterdamo 1989.

S. Štimec




*Abir Dasgupta, kiu iniciatis la ŝaton al Hlapić en la bengala mondo.*






## MORTIS GRANDA PENTRISTO IVAN LACKOVIĆ CROATA

La 29an de de aŭgusto 2004 en Zagrebo mortis la klasikulo de la kroata naiva arto, unu el la plej eminentaj kroataj desegnistoj kaj grandulo de la eŭropa figurdesegnado Ivan Lacković Croata. Vilaĝdevena estetikulo, iama poŝtisto, fajnfingra desegnisto kaj fantaziulo, li elstaris per sia kunlaboremo kaj helpemo. Kiam la japana eldonejo petis desegnojn por ilustri la vilaĝajn etosojn de Mezeŭropo, li ne hezitis disponigi ilin: tiel liaj bovinoj paŝtas sub salikoj ankaŭ en la japanlingva eldono de "Tena - Hejmo en Mezeŭropo" de Spomenka Štimec.




## WILLIAM AULD KAJ MARJORIE BOULTON FESTAS EN 2004 LA 80an VIVOJARON

La plej grandaj majstroj de la Esperanta literaturo, William Auld (la 6an de novembro 1924) kaj Marjorie Boulton (la 7an de majo 1924) fariĝas en 2004 - 80jaraj.

Okaze de la 80a jubileo ni toste salutas ilin el Kroatio. Aldonan gratulon al Marjorie okaze de la ĉi-jara Premio Deguchi ricevita en Pekino.

Okaze de la jubileo de nia Nobelpremia kandidato William Auld ni publikigas bondeziran poemon de nia kunlaboranto Shi Chengtai el Ĉinio.



### *Al 80-jara W. Auld*

*Sidante vi en Barko Senpilota,*
*ĉiam vagas sur la senlima maro*
*por serĉi saĝan fonton de l' homaro*
*kun la nomata verda kor' devota.*

*Vi zorgas pri la Ĉevalido trota,*
*alvenas al vi la okdeka jaro.*
*Sidante vi en barko Senpilota,*
*ĉiam vagas en la senlima maro.*

*en la barko sufiĉas rara varo,*
*eĉ Pajleroj kaj Stoploj. Bendo oda*
*al vi, jen post vi iras vico flota*
*de l' Verdkulturo spite al mistralo,*

*kaj ne nur vi en barko senpilota ...*

Shi Chengtai



Okaze de la jubileo de Marjorie ni publikigas la poemon kiun inspiris Zagrebo.

### *Apud la Sava Rivero*

*Ruliĝas branĉoj sur la akvo densa,*
*Frakasitaĵoj svarmas kaj baraktas*
*En la turniĝoj brunaj de l' rivero,*
*En akvofluo brua kaj senmensa;*
*La akvoj turmentiĝas kaj kompaktas,*
*Malpuraj akovj de la mezsomero.*

*Ho, Sava senripoza, Sava muĝa!*
*Vi portas rompitaĵojn al la maro*
*Kaj vi tordiĝas kvazaŭ pro angoro.*
*Ho, Sava, vi tro ofte fluis ruĝa*
*Pro iu dogmo, iu formularo,*
*Aŭ fluis sanga pro sensenta oro.*

*Rivero, bruna pro tordita grundo,*
*Kadavroplena dum la mondmilito!*
*Ŝvelintaj svarmis korpoj iam homaj;*
*Ĉe via bordo sidis granda hundo*
*Kaj pro senkulpa hunda apetito*
*Manĝis la karnon de la jam sennomaj.*

*La hundon decaj homoj do mortpafis.*
*Ho, akvoj ruĝaj, sangoflua Sava!*
*Ĉar homomanĝo estas nenatura...*
*Sed ili sian celon tre maltrafis*
*Ĉar kiu krimo estas ja pli grava,*
*Manĝi aŭ murdi, kiu pli malpura?*

*Martir-rivero, sangrivero, Sava!*
*Frakasitaĵojn de la historio*
*Vi forportadis brue dum jarcentoj,*
*Sur tiu tajdo trista, bruna-flava,*
*De tiu lando, sanga arterio,*
*Kaj ĉiam kolerega sub la ventoj.*

Marjorie Boulton
(Zagreb, aŭgusto 1953) el "Kontralte"

# NOVAĴOJ EL DIVERSAJ KLUBOJ KAJ SOCIETOJ

**SPLIT** • De post la Universala Kongreso en Pekino Split ne plu estas la sidejo de la sekretario de la estraro de Universala Esperanto-Asocio. Ivo Osibov kiu kiel sekretario de la estraro diligentis en la tempo inter 2001 kaj 2004, transdonis la taskojn al sia kolegino Ulla Luin kaj la sekretariejo translokiĝis de Mediteraneo al Svedio. Renato Corsetti restis prezidanto de UEA ankaŭ en la nova mandato. Multan dankon al Ivo Osibov por la laboro farita!



*Sur la foto: Ivo Osibov apud sia edzino Katja kaj aktorino Vida Jerman dum la pekina UK.*

**VRBOSKA** • En Universala Kongreso de Esperanto en Pekino pli ol 2000 kongresanoj devis elcerbumi manieron kiel trovi monon por atingi Pekinon. Unu el la plej interesaj manieroj realigis nia membro Dinko Matković, emerita instruisto el Vrboska sur la insulo Hvar. Li gajnis en la tutlanda konkurso de la Zagreba Banko premion en la branĉo pri protektado de la kultura heredaĵo, verkinte pli ol 300-paĝan libron pri la dialektaj esprimoj de lia hejmregiono Vrboska. Elkorajn gratulojn al Dinko Matković pro la premio kiu lin portis vere malproksimen.

**OMIŠ** • Ĉeĥa studento Marek Blahuš kun sia familio feriis en Ruskamen apud Omiš jam la kvaran jaron. Ĉi-somere li decidis ne plu nur lingve barakti per la slava sed aktivigi siajn konojn de Esperanto. Li esploris ĉe KEL al kiu rilatas la granda reklamo pri Esperanto ĉe la aŭtobusa stacio en Mali Rat kaj per ricevitaj informoj kontaktis Davor Grgat, prezidanton de Esperanto-Societo Split kiu helpis al li koni pli ol aliaj turistoj pri Omiš, Split, Trogir. Impresis lin la rakontoj pri la plej malnova statuto en Eŭropo, tiuj pri Poljica. Marek planas reveni venontjare. *(Davor Grgat)*



*Davor Grgat akceptis Marek Blahuš (Fotis Galić)*

**VARAŽDIN** • En la jaro 2004 Esperanto-Klubo *Božidar Vančik* el Varaždin atingis sian 80-an vivojaron! La festo okazis kadre de la somera Renkontiĝo de verkistoj, kie ne mankis eĉ la naskiĝtaga kuko kun la kandeloj.



**OSIJEK** • Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" el Osijek estas eldonisto de infanlibro *Rakontoj sub la lito* de Antoaneta Klobučar, laŭ la kroata verko de la aŭtorino. La libro prezentas interesan projekton de la familio Klobučar: la patrino Antoaneta verkis, la patro Davor tradukis al Esperanto, la 12-jara filino Ana desegnis la libron. La patro Davor Klobučar portis la verkon al Ĉinio kie ĝi estis prezentita dum la librotago de la pekina UK kaj vendata el la Libroservo. Osijek kandidatigas la verkon por la infanlibro de la jaro 2004 kaj scivole atendas rezultojn de Belartaj Konkursoj 2005 en Vilno en Litovio. La libro estas aĉetebla ĉe KEL kontraŭ 50 kn.




## JUBILEA 15a MKR

MKR signifas Montkabana Renkontiĝo - la aranĝo por ĉiuj kiuj ŝatas Esperanton naturon kaj montojn. La ĉi-jara renkontiĝo okazis en Slovenio de la 23a ĝis 26a de septembro en vilaĝo Pliskovica, proksime de la itala landlimo. Dum MRK oni vizitis interalie Škocjanske jame, protektitaj kiel natura monumento flanke de UNESKO. Kiel kutime dum la lastaj jaroj pri la aranĝo zorgas Vanja Radovanović kaj Mea Bombardelli. Detaloj: *www.angelfire.com/va2/Vanja*.

## Amiko de Esperanto - funkciulo ĉe UNESCO

Kroata fakulo pri kulturo dr-ino Biserka Cvjetičanin estis en 2003 elektita en Internacian Fondaĵon por anatŭenigo de kulturo ĉe UNESCO. Ŝi estas granda amiko de Esperanto kaj estis membro de Honora Komitato de UK en Zagrebo. Ŝi verkis antaŭparolon por la kroata Esperantlingva libro pri la angola verkisto A. Neto.

# NEKROLOGOJ

## Mortis nia samideano, pastro Franjo Gruić el Đakovo



La 14an de aprilo, en la hospitalo en Osijek, pro subita kormalsano mortis Franjo Gruić (1932-2004), delegito de UEA, landa reprezentanto de IKUE (katolika esperanta unuiĝo), lingva profesoro, prezidanto de Esperanta societo en Slavonski Brod kaj pastro en la episkopejo de Đakovo.

Magistro Franjo Gruić naskiĝis la 1an de julio 1932 en Trnjanski Kuti. En proksima Slavonski Brod li frekventis gimnazion. Diplomiĝinte en Filozofia Fakultato en Zagreb, li laboris kiel profesoro de la germana lingvo en la sama gimnazio. En 1965 li venis al Teologia Fakultato en Đakovo, por sin prepari al la pastra profesio, kaj samtempe instrui la germanan lingvon. Pastro li fariĝis en 1969, kaj en 1972 li magistriĝis pri kateĥizo en Katolika Instituto en Parizo. Ekde 1972 li prelegas la lingvojn germanan, latinan, francan kaj rusan en Episkopeja Gimnazio en Đakovo. En Alta Teologia Lernejo en la sama urbo li prelegis kateĥizon, kaj estis ankaŭ rektoro. Li havis plurajn altajn funkciojn en la episkopejo de Đakovo, kaj foje eĉ en Episkopa Konferenco de Jugoslavio. Kelkajn jarojn li estis rektoro kaj konfesiga pastro en la monaĥinejo en Đakovo. Post sia emeritiĝo en 2001 li vivis en la episkopeja hejmo por maljunaj pastroj en Đakovo, daŭre plenumante simplajn pastrajn devojn en Đakovačka Breznica.

Li akceptis vivon modestan kaj simplan. Li estis solidara kun malriĉaj homoj, kaj helpadis al ili. Tre bonkora, komunikema, kaj konanta multajn lingvojn, li korespondadis kun granda nombro da homoj el multaj landoj. Sed Esperanto estis lia plej ŝatata lingvo, pri kiu li okupiĝis pli ol 50 jarojn. Lastatempe li gvidis plurajn kursojn en Đakovo kaj Slavonski Brod. Ni, kroataj esperantistoj, memoras lin speciale kiel gvidanton de esperantaj diservoj dum niaj naciaj kongresoj.

Dum la entombigo ĉeestis kelkaj esperantistoj el Slavonski Brod, Osijek kaj IKUE. Iu pastro kantis en Esperanto tekston el Nova Testamento. La episkopo Hranić diris interalie: "...Mi ne scias kiam Dio denove donacos al nia episkopejo tiom bonan konanton de multaj lingvoj, vivantaj kaj klasikaj, veran poligloton kaj tiom estimatan pastron en kulturaj rondoj..."

Mallongan lastan saluton en la nomo de esperantistoj diris Davor Klobučar, fininte ĝin en Esperanto: "Sinjoro profesoro Gruić, kara Francisko, nia samideano, ripozu en eterna paco."

Pli da detaloj oni povas trovi en la kroatlingva gazeto de la episkopejo en Đakovo, en *http://djakovo.hbk.hr* (la numero de 16-a de aprilo 2004, la artikolo verkita fare de Ivan Ćurić)

*Davor Klobučar*

### Oszkàr Princz
**(1947 -2004)**

ĉefsekretario de Hungara Esperanto-Asocio, mortis la 11an de aprilo en 2004 pro koratako en Budapeŝto. La morto trafis la grandan amikon de Kroatio dum li hejmenveturis de la laboro. Li estis estrarano de UEA (1989-1992) kaj ties dumviva membro. Li direktoris vojaĝagentejon kaj laboris dum tridek jaroj en diversaj funkcioj por la hungara Esperanto-Movado. Aparte elstaris liaj meritaj en pedagogia kampo. Li kompilis Esperanto-lernolibrojn por ekzamen-kanditadoj en Hungario. La kroata Esperanto-Movado perdis gravan partneron.



### Tomislav Grčić (1942-2004)

Prezidanto de Esperanto-Societo "Dinko Šimunović" el Sinj mortis en majo 2004.

Li naskiĝis en Sinj la 9-an de decembro 1942 kaj fondis la societon en Sinj en 1987. Profesie li estis instruisto pri geografio kaj historio. Li preparis kelkajn ekspoziciojn pri Esperanto en la lernejoj de Sinj kaj gvidis perkorespondan kurson en "Vjesnik Cetinske krajine".

*Ĉiu kiu vizitas Ĉinion havas sian propran rakonton. "Tempo" havas la honoron publikigi fragmentojn el taglibro de la unua virino el Kroatio kiu vizitis Ĉinion en la jaro 1930. Marija Borčić-Pavičić akompanis en la tridekaj jaroj sian edzon, kuraciston al Ĉinio, kie li aktivis kadre de la medicina helpo de Ligo de Nacioj. Ni dankas la originalan tekston al muzea specialisto pri la ĉina arto Karolina Franc.*



# Marija Borčić-Pavičić FRAGMENTOJ EL LA TAGLIBRO EL LA MALNOVA ĈINIO

**17. 9. 1930.**

Ĉi tie mi dezirus vivi. Kion ni unue iris trarigardi estis la Medicina fakultato de la fondaĵo Rockefeller. Io same bela malofte videblas. Konstruita en ĉina stilo, ege luksa. Ekzistas ĉirkaŭ 20 konstruaĵoj. Da studentoj estas nur 125. Ili havas fiksitan nombron kiom da ili povas enskribi, kaj nur po 25 en ĉiun kurson. Malmultaj virinoj. Sed 1100 dungitoj. Io vere nekredebla. Ĉiuj Rockefelleranoj estas mirinde bone loĝigitaj kaj eĉ pli bone pagitaj. Ĉiu havas je sia dispono vilaon en belega granda parko. Berica diras ke tio estas la plej multekosta medicina fakultato en la mondo.

Hieraŭ antaŭtagmeze mi butikumis pro malnovaj vazoj kaj similaĵoj. Ekzistas mirindegaj objektoj, ekzemple budhoj el eburo, sed ili multekostas. Efektive ne multekostas, sed por ni jes. Unu kostas 100 dolarojn, tio estas 1600 dinarojn.

Tagmeze mi luis rikiŝon, tre saĝan knabon kiu min veturigis al vendejoj de peltoj kaj mandarenaj vestoj. Mi aĉetis du vulpopeltojn por 45 dolaroj, iun teksaĵon por 2 dolaroj kaj revene fumgarnituron, nova ĉina produkto, por 14 dolaroj.

Hodiaŭ mi promenis piede. Sed tio estas la lastan fojon, kiom ajn interese. Unue vin ĉirkaŭas rikiŝoj de kiuj vi ne povas liberiĝi. Poste almozuloj, virinoj maljunaj kaj junaj, infanoj, maljunuloj. Ĉiuj etendas la manojn kaj ne volas foriri. Terura polvo, nur popolaĉo piedoiras.

Oni min algapis kvazaŭ iun miron. Ĝis fine mi mem trais je miro! Unue mi pensis ke tio eble estas ĉina edziĝfesto, sed pli poste mi aŭdis ke temas pri funebra procesio. Ĝis okulatingo ambaŭflanke de la strato arego da homoj, flagoj, post ili muziko, kaj post la muziko knaboj blanke vestitaj portantaj enmane vergojn volvitajn en blanko. Malantaŭ la knaboj kvar junuloj blanke vestitaj, poste mi aŭdis ke tio estas la filoj. Regule post kvin paŝoj oni metas sur la straton antaŭ ili kusenojn. Ili genuiĝas kaj kliniĝas ĝistere. Malantaŭ ili 100 homoj portas grandegan baldakenon, ruĝkoloran tute broditan, fermitan de ĉiuj flankoj. Ĉiun minutoj la portantoj ekkrias, t.e. forpelas spiriton. Post la baldakeno durada veturilo blanke tendumita. La tendo troviĝas ankaŭ super la ĉevaloj. En la veturilo veturas la membroj de la familio. Ambaŭflanke de la strato estas tabloj kie oni servas teon. La procesio procedas treege malrapide.

Poste mi vagis tra etaj stratetoj, sed ne eblas iri longe pro almozuloj kiuj estas tre altrudemaj.

Posttagmeze kun la ministro en la Malpermesita urbo, sed tio estas nur ero de tio kion dum unu antaŭtagmezo mi povis vidi. Ĉio estas en tre ruinigita stato kaj estas disfalanta. Krom tio aro da muroj kaj homoj neniamaniere povas orientiĝi.

Mi intencas ankoraŭ reiri tien kun grupo.

Sed nun sekvas la plej interesa.

Ni estas invititaj al vespermanĝo en iun mongolan restoracion tre faman.

Ĉiuj sinjorinoj surhavis vesperajn robojn kaj vesperajn surtutojn, nudkapaj kaj frizitaj, kaj laŭ tio mi supozis ke ni iras al iu elita restoracio. Sed kia malo! En iu strateto, netrairebla por aŭtomobilo, ni eniris iun kuirejon, poste en alian, poste en trian, kvaran, kvinan. Efektive la kvina estis korto kun kelkaj fajrujoj havantaj kradojn. Homoj staras ĉirkaŭe kaj mem rostas viandon kun cepo, ĉiu laŭ sia plaĉo. La viando estas pecete tranĉita. Ni eniris iun separeon kaj poste por ni okupis ankoraŭ du. La tablo estas ronda, sur ĝi makulita tablotuko, bastonetoj, etaj glasetoj por brando kaj etaj teleretoj por sojosaŭco. Apud tio etaj batiletoj kvazaŭ ludiloj. Do la unua plado estis kraboj. Du grandegaj bovloj da kraboj. Eh, nun sekvas miro! Ĉiuj deŝiradis la krabojn perfingre kaj manĝis per fingroj. Teleroj ne ekzistis - ĉion oni metas sur la tablon, kaj la manĝotaĵon kaj la elsuĉitaĵon kaj la elbuŝitaĵon. Kaj do, se iu formanĝis kelkajn krabojn, li havis tutan stakon da rubo antaŭ si. la batiletoj servas por disrompi la krurojn. Manoj kaj lipoj malpuras kiel la porkaj. Post tio lavado de la manoj, ĉiuj eliras en la korton kaj ĝuste tie startas vera satiraĵo. Ni kolektiĝis ĉirkaŭ la fajrujo, disflamigis la fajron kaj ĉe la terura fumo kiu larmigis niajn okulojn, kaj tiel starante, ĉiu surkrade rostis por si viandon kun cepo. Imagu la sinjorinojn en dancroboj! Poste mi tute ne povis partopreni veran vespermanĝon, ĉar tiuj du pladoj estis nur entreo. La societo poste revenis al separeo kaj daŭrigis manĝi pecetigitajn kokidajn hepatojn kaj stomakojn, pistitan kokidaĵon kun ovo ktp. Mi iris hejmen je la 9,30 ĉar mi estis laca. Aliaj sinjorinoj post la vespermanĝo iris al la plej eleganta hotelo kie oni povis danci.

*(Esperantigis: Lucija Borčić)*

***MARIJA BORČIĆ-PAVIČIĆ** naskiĝis en Slavonska Požega en 1899. Agregaciulo de la Konservatorio en Praha, solokantado. Ŝia unua edzo estis Pjer Križanić, ĵurnalisto kaj karikaturisto, la dua edzo estis d-ro Berislav Borčić, epidemiologo, kiu kadre de la Ligo de nacioj laboris kune kun d-ro Andrija Štampar je organizado de sanitara helpo en Ĉinio. En Ĉinio restadis dufoje de 1930 ĝis 1933. La unua filo naskiĝis en Ŝangajo, Ĉinio. Ŝi mortis en Zagrebo en 1942.*

# Ferdinand Hodler

## *slike i crteži*

*iz zbirke Umjetničke galerije Bosne i Hercegovine, Sarajev*

MU

Muzej za umjetnost i obrt, Zagreb
15. 6. - 18. 7. 2004.